# BOLETIN

DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

AÑO VI N.° 11 (71) NOVIEMBRE, 1954

## UN AMIGO SE NOS FUÉ....

Cuantos tuvimos la suerte de asistir al congreso de Zaragoza recordaremos por mucho tiempo el soberbio discurso que, con motivo del concurso literario, pronunció nuestro destacado y meritísimo samideano, el Dr. Mariano Solá. El tema de su magnífica pieza oratoria fué la aseveración de que sólo son enemigos del Esperanto aquellos que no lo conocen e ignoran sus fines y sus laudables propósitos. Por el contrario, todo el que lo estudia y conoce a fondo, no puede menos que alabarlo. Y como ejemplo demostrativo de su afirmación, citó la favorabilísima opinión que del Esperanto y del esperantismo sostenía el gran pensador y publicista Eugenio D'Ors, figura señera de la intelectualidad española actual, que durante medio siglo, con sus libros, y aún más, con sus artículos periodísticos, ha sido un manantial inagotable de cultura, de moral, y, sobre todo, de estética.

Recordamos que, en el artículo que tan magistralmente nos tradujo Solá, Eugenio D'Ors ensalzaba del Esperanto, especialmente lo que encontraba en él de esperanzador, de liberador de confines anímicos, de bálsamo contra el monotonismo de la vida.... Como maestro en filosofía, D'Ors veía esencialmente eso en el Esperanto; y le bastaba para, no solamente aprobarlo, sino para arremeter, con toda la fuerza de su genio, contra los apriorísticos enemigos del idioma universal, a quienes fulminaba por su regateo gregario. No paraba D'Ors en los beneficios materiales, en la facilidad para la correspondencia, los viajes y la difusión de la ciencia; para su espíritu selecto, eso eran ventajas de poca monta; lo importante, lo destacado, era esto: el Esperanto es un medio único, insustituíble, para elevar el nivel anímico y ensanchar ilimitadamente el alcance de los afectos y del anhelo humano. En pocas palabras, que el Esperanto es toda una escuela

# LA CONFERENCIA DE LA UNESCO EN MONTEVIDEO

La Conferencia General de la UNESCO se celebrará en Montevideo a partir del próximo 12 de Noviembre y durará como mínimo hasta el 11 de Diciembre. El primer punto de la sección «Actividades Culturales» es el referente a la «Petición Internacional a favor del Esperanto». Con motivo de la citada Conferencia, una comisión especial está organizando la Gran Exposición Universal de Esperanto, que será inaugurada en la misma fecha que la Conferencia de la UNESCO, en un acto solemne al que asistirán las personalidades más relevantes de la vida cultural de Montevideo. A dicha Exposición serán invitados todos los delegados que han de tomar parte en la Conferencia de la UNESCO.

Se distribuirá entre todos los delegados y periodistas que visiten la Exposición un documento especial que con el título de «Contribución del Esperanto a los fines de la UNESCO» ha sido elaborado por la organización esperantista «Centro de Exploración y Documentación». Dicho documento está editado en los idiomas de trabajo de la UNESCO: español, francés o inglés. En la prensa de todo el mundo han aparecido centenares de artículos e informaciones sobre la Petición Internacional en favor del Esperanto y sobre el hecho de que la Conferencia General de la UNESCO tratará en su sesión de Montevideo, de esta importante cuestión. Es probable que en las próximas semanas aparezcan nuevos artículos sobre el mismo tema. A todos los esperantistas que lean artículos o informaciones sobre este asunto, se les ruega envíen los correspondientes recortes, no olvidando mencionar el nombre del periódico, a la dirección de D. Rodolfo García, Yaguarón 1397, Montevideo, Uruguay. En la Exposición habrá un lugar especial para exponer todos los artículos e informaciones referentes al tema del Idioma Internacional ante la UNESCO. Cuantos más artículos se expongan, mayor será el efecto que produzcan.

**Revuo Esperanto Internacia.**

---

de moral optimista... ¡Qué lejos estábamos de imaginar que el gran pensador tenía sus días contados!... Ya se nos fué; y además del gran vacío que supone para las letras españolas y catalanas, para nosotros, los esperantistas, D'Ors era, sobre todo, el gran amigo, cuya corroborante opinión nos enaltecía y confortaba. De su magna obra, solo el «Glosario» bastaría para inmortalizarle; durante casi medio siglo, y desde sus años estudiantiles, D'Ors ha sido un jugoso manantial de literatura y de humanidad. Para los esperantistas, es una figura simbólica y representativa de la superposición de personalidades, intelectual y literariamente hablando. Con maestría inigualable, su pensamiento, que no reconocía fronteras, se manifestaba con idéntica facilidad, en catalán y castellano, y con pasmosa soltura en francés y alemán. Su enjundia catalana se ha manifestado siempre sin menoscabo de su alta categoría española. Y la universalidad de su pensamiento ha necesitado reflejarse, eso sí, con aristocrática galanura, bajo ropaje literario extranjero, sin, por eso, mancillar su recia contextura ibérica Ese símbolo de internacionalidad es el que nos gozamos en recoger, como plasmación humana de lo que ideológicamente se puede aplicar al ideario esperantista: intensa, completa comunicación exterior, sin demérito de la esencia intrínseca y nacional.

Siempre recordaremos con limpieza la figura del humilde panadero, glosada por D'Ors, que, gracias al Esperanto, vivía una vida de horizontes dilatadísimos, superpuesta a la monótona y ramplona vida material, y que por ello era feliz, por encima de sus miserias y vulgaridades. Todos los que, merced al Esperanto, respiramos hondamente ese hálito espiritual que nos eleva por encima del materialismo cotidiano de la vida, recordaremos con respetuoso afecto la noble y venerable figura de Eugenio D'Ors, pensador, publicista... y amigo del Esperanto.

*Dr. Rafael Herrero, por «Radio Alerta», de Valencia.*

# MIA VOJAĜO EKSTERLANDE

II

Mi adiaŭis G-rojn Yelland, en Nice, la 1-an de Junio je la deksepa tridek proksimume. Mi lasis miajn amikojn en la aŭtobuso kondukonta ilin al Aspremont. Ĉi-tiu aŭtobuso estis la lasta. Pro tio ili ne povis akompani min ĝis la momento de mia foriro je la 19-a horo. Mi restis kune kun samideano Rene Debernardi, kiu bonvolis akompani min ĝis mia foriro. Por iamaniere pasigi la tempon, ni faris viziton al la Nico-Esperanto-Grupo. Ĉi-tie, malgranda sed afabla grupo da samideanoj akceptis min. Tre vigla kaj tre interesa estis nia interparolado. Mi gardos ĉiam agrablan memoron pri ĝi. Iom antaŭ la 19-a ni alvenis al la stacidomo kaj suprenirante la vagonaron ni trankvile elektis konvenan lokon. Mi lasis en Nice tre karajn malnovajn kaj novajn geamikojn.

La sekvantan tagon kaj tre frumatene mi avide rigardadis la panoramon tra la fenestro de mia kupeo. Jen senfinaj, ebenaj paŝtejoj, sur kiuj ŝafoj kaj bovinoj paŝtiĝis trankvile. De tempo al tempo, kvadrata, malgranda arbareto, rompis la monotonan aspekton de la pejzaĝo. Verŝajne ni eniris en sufiĉe grandan arbaron. Kelkfoje, gaja dometo estis videbla inter la arboj. Subite, skribaĵo en muro kaptis mian atenton: PARIZO JE 17 KILOMETROJ. Granda scivolemo kaptis min. Mi volis ekvidi iom de la mirinda urbo de la oraj revoj! Mi volis vidi ion... sed, fakte ĝi ne estis ebla. Fine mi eniris Parizon tra la stacidomo de Liono. Mirigita pro la kolosa stacidomo, mi ne povis kalkuli la nombron da reloj, kiuj, preskaŭ senfine, etendiĝis ĉiuflanke. Mi miris pri la longeco de la peronoj kaj mi antaŭsentis iom pri la grandiozeco de la franca ĉefurbo.

Samideanoj atendis min en la perono mem. Kune kun ili, iom post iom mi malkovris Parizon. Peniga esplorado! Ni vizitis la mondfaman «Parizan-Foiron». Tie, en la pavilono pri gazetaro kaj libroj, mi povis primiri belan ekspozicion pri Esperanto. Ĉefe estis libroj kaj tutmonda gazetaro. Eĉ nia «Boletin» estis digne reprezentata. Dum mia vizitado mi renkontis plurajn esperantistojn el diversaj francaj regionoj kaj familion el Anglujo.

Tre interesa, sed tre laciga, estis la vizito al la muzeo Louvre. Impona la suprenirado al la turo Eiffel. Poste tre refreŝigaj la vizitoj al pluraj urbaj parkoj kaj ĝardenojn: nome, la Arbaro de Bolonjo, kie mi partoprenis en kunveno de novbakita E-to grupo el Parizo; la Zoologia Parko kaj Promeneja Parko, la Avenuo de la Kampoj Elizeoj, Triumfa Arkaĵo, Tullerioj... La preĝejoj Sacre Coeur, Notre Dame, La Madeleine... ravis min pro sia mirinda konstruo. Parizo ŝajnis al mi tre impona, grandioza, sed ne bela. Ekzemple la konstruaĵo «Granda Teatro de la Opero», vere kolosa, estis absolute nigrigita de la konstanta malsekeco. Tio forprenis multon de ĝia beleco. Parizo estas tre malnova urbo; tion oni konstatas promenante tra diversaj stratoj. Mi miris pri tiu koloso...! Sed, mankis al mi la varmeco, la heleco de nia pli malgranda sed pli ĉarma Barcelono.

Adiaŭ Parizo...! Orleans. Jen alia fama urbo. Mi alvenis ĉe S-ro Delaire, la 5-an de Julio. Tre afable akceptata de li kaj lia familio, mi ĝuis tre bonan restadon ĉe la urbo de Jeanne D'Arc. Ĉi-tie mi ankaŭ vizitis la E-grupon kaj faris prelegeton pri mia vojaĝo kaj respondis demandojn pri mia lando. Oni ankaŭ faris societan ludon kaj kunkantis esperantajn kantojn.

La 11-an mi veturis al Isoudun, por gasti kelkajn tagojn ĉe J-P. Rousselle. Liaj gepatroj kaj gefratoj kore akceptis min. Ni kune ekskursis bicikle ĉirkaŭ la urbo, kaj mi multe ĝojis pro tio. Dum nia vizito al la aviado-kampo de Isoudun, mi povis je unua fojo flugi per aeroplano.

Baldaŭ mi forlasis miajn amikojn, por alveni la 15-an al la kastelo de Grésillon, la Franca Esperantista Kulturdomo, por partopreni en «La Internacia E-Kultur-Semajno», de la 15-a ĝis la 24-a de Julio. Mia restado en Grésillon estis tre interesa kaj tre riĉa en spertoj. Partoprenis 25 personoj kiuj kune reprezentis 8 landojn: Italujo, Germanujo, Svislando, Svedujo, Anglujo, Francujo, Alĝerlando kaj Hispanujo. El la partoprenantoj 5 estis blinduloj. Estante la unuan fojon en kiu mi kunvivis kun blinduloj, mi restis

# HISPANA KRONIKO

*AGRES (Alicante).* Dum mia ferio en ĉi tiu urbeto, mi organizis propagandan Esperanto-kunvenon, kiu okazis en la Baŭgradaj Lernejoj. Prezidis la urbestro, la paroĥa pastro kaj du lernejaj instruistoj. Mi prelegis pri la historio, esenco kaj estonto de nia helpa lingvo, kaj ĉar tio estis novaĵo en la urbeto, la afero vokis eksterordinare la atenton de la ĉeestantoj. Kiel sekvo, oni organizis kurson, kiun mi gvidis.—*Fernando Soler.*

*ZARAGOZA.* Nia Grupo *Frateco* ŝanĝis je sidejo, kaj ni havas nun pli belan kaj imponan grupejon. Nia nova adreso estas: San Vicente de Paúl, 1, entlo. derecha. Zaragoza samideanaro bonvolu subteni nin, ĉar ni pagas nun multe pli altan luprezon!—*P. M.*

*SAN SEBASTIAN.* En pasinta septembro, nia *Baska Esperanto-Rondo* fariĝis oficiala per la registara permeso, kaj ĝi rekomencis la poresperantan agadon; nuntempe okazas vintraj kursoj, kiuj estis anoncitaj per ĉiuj lokaj gazetoj kaj estas multnombre partoprenataj. Nia adreso: Padre Larroca, 1.—*J. S.*

*TARRASA.* En la lasta ĝenerala kunveno, nova estraro estis elektata, jene: Prezidanto, S-ro V. Arís; Sekretario, S-ro A. Saludes; Vicsekretario, S-ro S. Chaler; Kasisto, S-ro F. Cervelló; Bibliotekisto, S-ro J. Doménech; Voĉdonantoj, S-roj S. Closa, E. Roca, M. Querol kaj F-ino P. Closa. Oni decidis aranĝi kvin kursojn, inkluzive superan kaj porinfanan. Instruistoj, S-roj S. Chaler kaj V. Arís.—*A. S.*

*MADRID.* La Estraro de Madrida Esperanto-Klubo decidis publikigi regule stencilitan cirkuleron, kaj jam aperis tiu de la 1-a de oktobro, kiu raportas la prelegon de S-ano Darío Rodríguez pri la Kongreso en Zaragoza, kaj anoncas la inaŭguron de kurso de Esperanto post solena kunveno kun prelego de la Klub-prezidanto S-ano J. López Herrero. Ankaŭ oni anoncas aliajn prelegojn por oktobro kaj novembro, de S-anoj S. Orea, F. Enfedaque kaj G. Flores. Fine oni atentigas pri la baldaŭ okazonta Esperanto-ekspozicio, por kiu estas bezonata financa helpo de la samideanaro. Oni rememorigas ke la akcepto de reklamafiŝoj pri tiu ekspozicio finiĝas la 31-an de oktobro.—*R.*

*SABADELL.* Okaze de la reveno hejmen de F-ino Pepita Criach, ŝiaj gepatroj aranĝis agrablan feston, kiu okazis en ilia hejmo. Krom 16 lokaj gesamideanoj, ĉeestis Ges-roj Vilá kaj S-roj Aragay (patro kaj filo), el Barcelona. Jam de la unua momento la Criach-hejmo fariĝis eta Esperantujo kie nur nia helpa lingvo agrable aŭdiĝis. S-ro Vilá kun sia kutima vervo tre majstre deklamis amason da poeziaĵoj, plejparte originale verkitaj de li kaj aliaj de li tradukitaj. F-ino Pepita Criach raportis pri sia ĵus finita vojaĝo, reliefigante la plej elstarajn mirindaĵojn, kiujn ŝi admiris, precipe en Nederlando. S-ino Criach tre ĝentile regalis la ĉeestantaron per kukoj, dolĉa vino kaj kafo. S-ro Criach estis fiera kaj feliĉa pro la sukceso de la kunveno, tiel efika por la praktikado kaj disvastigo de nia lingvo.—*E. S. C. S.*

---

ravita de la delikateco de ilia animo. Ĉiutage ili ludis pianon kaj instruis al ni esperantajn kantojn. La vivo en la kastelo disvolviĝis sub la gvido de S-ro Bidoi, franco. Ĉiutage oni elektis prezidanton kaj sekretarion por gvidi la amuzojn kaj laborkunsidojn de la sekvanta tago. Ankaŭ ĉiutage, unu el ni prelegis. La temoj de la prelegoj estis tre ampleksaj, sed ĉefe oni interesiĝis pri la esperanta vivo en la diversaj landoj de ni reprezentataj. Ankaŭ ni ĝuis tuttagan kolektivan ekskurson laŭlonge de la rivero Loiret, kun vizito al kelkaj kasteloj. Prezentado de filmoj pri Normandujo kaj kolorbildoj pri la inaŭgur-festo de la Kastelo de Grésillon. Por nia distro, vespere, ni organizis kolektivajn ludojn kaj radio-elsendon de Radio Grésillon. Por fari ĝin, kelkaj el ni ludis teatraĵojn de Raymond Schwartz, malantaŭ kurteno, dum alia turnis la butonojn de la radio-aparato por ŝajnigi veran radio-elsendon. Krom tio, ĉiuj helpis laŭ siaj ebloj, sindone laborante por la bona riparado kaj plikomfortigado de «nia kastelo». Pro tio mi konsilas al ĉiuj: Vizitu la francan Esperanto-Kulturdomon kaj vi ĝuos belegan libertempon.

Post Grésillon, mi pretigis min por partopreni la 39-an U. K.

**Sabadell, la 29-an Septembro 1954.** *Pepita Criach.*

# Hispanaj Esperantistoj en la Kongresoj de U. E. A. kaj I. K. U. E.

La agrabla koincido ĉijara de ambaŭ kongresoj en proksima najbareco, pligrandigis la intereson pri la vojaĝo al la bela Nederlando inter la hispanaj esperantistoj. Entute partoprenis dek. Kvar el Zaragoza, du el Barcelona, du el Valencia, unu el Tarrasa kaj unu el Sabadell.

Tuj post la Hispana Kongreso en Zaragoza, ni rapidis tra Francujo al Belgujo, kie ni vizitis la belegan urbon Bruselo. Ni estis varme akceptataj de la belgaj gesamideanoj S-ino A. Meurrens kaj S-ro Schumacher kaj ni admiris la ĉefajn vidindaĵojn. Sekvan tagon ni daŭrigis al Antverpeno por partopreni la lastajn aranĝojn de la Antaŭkongreso: la inaŭguron de la Zamenhof-strato kaj la adiaŭan vesperon en gaja atmosfero plene esperantista. En la nomo de la hispanaj esperantistaj skoltoj mi vizitis S-ron L. J. Van Gulck, prezidanto de la «Skolta Esperantista Ligo». Li akceptis min tre afable kaj ni parolis longe kaj vigle pri la esperanta laboro ĉe la skolta kampo. Honoran mencion al la bonvoleco de S-roj H. Sielens kaj J. Jakobs, kiuj prizorgis diversajn detalojn de nia vizito kaj simpatie akompanadis nin. Lasta etapo de nia vojaĝo kondukis nin al Amsterdam, belega urbo kun siaj multenombraj kanaloj kaj pontoj. Rava impreso lasis al ni. Tie ni loĝis kaj partoprenis la IKUE-Kongreson. Profitante la bonegan reton de la nederlandaj fervojoj ni ofte iris al Haarlem por same partopreni la diversajn aranĝojn de la Universala Kongreso de UEA.



F-ino Casasnovas (maldekstre) kaj S-ino Marqueta (dekstre) en grupo da kongresanoj, inter kiuj ankaŭ troviĝas la konata S-ano Edmond Privat.

La esperantaj gazetoj klarigis jam tre detale la evoluon de ambaŭ sukcesaj kongresoj; do, mi ne faros tion, tamen mi akcentos la plej gravajn impresojn. Tre emocia estis la solena malfermo de la UEA-Kongreso. Vera popolo esperantista amasiĝis tie, kaj la himno resonis tra la vasta salono, kiel triumfa kanto de idealistoj. La Sankta Meso en la ĉarma kapelo «Fons Vitae», en Amsterdam, en la kadro de la IKUE-Kongreso, kun interesega prediko de Pastro L. Thalmaier kaj akompano de bonegaj ĥoroj, estis neforgesebla okazintaĵo por la katolikaj esperantistoj. La ekskurso al Volendam, la fiŝkaptista bela urbeto, estis tre interesa. Ni lasis nin fotografi en la volendama kostumo, en vere internacia rondo. Tra la polderoj, iamaj lagoj, ni alvenis al Alkmaar, ĉarma urbeto kiu ĵus festis sian 700-jaran ekziston. Ni vidis la fromaĝohalon kaj admiris la allogan aspekton de la urbo kun belaj stratoj kaj parkoj. Rava estis la promeno tra la kanaloj de Amsterdam, sub la nenombrelaj pontoj, per motorboatoj, en la ĉarma atmosfero de la amsterdama nokto. Tiu estis evento neniam forgesebla por ni!

D-ro Fernando de la Puente, nia prezidanto de KEHA, prelegis en Haarlem pri «Esperanto en la Internaciaj Movadoj». Multe da publiko ĉeestis kaj la prelego estis vere interesa kaj enhavoriĉa. Neeviteble venis la momento forlasi Amsterdamon; tamen, atendis al ni ankoraŭ unu bela tago. Ni estis invitataj viziti la urbon Rotterdam; F-ino

Daŭrigo sur paĝo 109.

## DOLĈAJ HOROJ

**Al malproksima amatino.**

Kiam la suno forpasas
tra horizont' malproksima,
kaj sur ĉiel' revon lasas
kun kolormildo senlima;

kiam paŝtist' hejmeniras
meze de l' paca ŝafaro,
kaj gajkanton al li diras
ĉarma sonoriletaro;

kiam l' arboj, ŝancelantaj
sub premo de milda vento,
estas poŝtukoj gigantaj
en adiaŭa momento;

kiam la tronon la tago
cedas al nokto magia,
kaj ĉiel' devenas lago
sorĉoplena, fantazia;

kiam vespero trankvila
trankvilon donas al menso,
tiam intensa, flugila,
iras al vi mia penso.

*Alcibiades González*

## LIBERECO

Flugu, flugu karaj birdetoj.
Pli feliĉaj ol ni vi estas;
Kantu Dion viaj himnetoj,
Por vi, ĉiam la vivo festas.

Dolĉegaj estas viaj kantoj,
Ĉarmaj estas viaj flugiloj,
Oh! estu vi, niaj perantoj:
Ĉar por vi ne estas bariloj.

Flugu, flugu birdeto mia.
Tra l' mondo semu via kanto
Flora, kiel herbejo via...

Kantu, kantu gaja vaganto,
Via kantad' internacia
Vere similas—Esperanto!

*Armando Aguiar.*

## RIMPORTRETO

**de nia nova Akademiano, Juan Régulo Pérez, de la Kanariaj Insuloj.**

Jen ora birdo—kanario!
Heroe-riske li eldonas;
Li ne nur kantas, sed li spronas
Aliajn al la poezio.

«Stafeto» kuras en serio
Nur ĉar, sindone, li patronas;
Jen ora birdo, kanario;
Heroe-riske li eldonas.

Nun, pro sindono kaj pro scio,
La ora bird' eĉ pli imponas,
En bela verda kaĝo tronas,
Kaj kantas en Akademio.

Jen ora birdo—kanario.

*Marjorie Boulton.*

## MIA SONETO

Imagis mi en rev', ke per mia sonet',
Laŭ arte skulpta verk' aŭ vibriga muziko,
Laŭ nur la nuancar' de l' plej lerta peniko,
Mi trafe kantos vin kun juneca impet'.

Sed ve! fiaskis mi—ĝi ne estu sekret'—,
Ĉar mi baraktas nun en menskirla impliko:
Por viaj ĉarm' kaj bel' ne sufiĉas apliko
De kiu ajn figur' aŭ ajna epitet'.

Post senrezulta serĉ' mi la muzojn alvokis
Ke helpu ĉiu art', kaj de ĉiu translokis
Al mens' en miksamas' belaĵojn por ornam';

Sed iĝis tia miks' de plastik' kaj beletro
Kaj de paŝtista flut' en konfuz' kun paletro,
Ke nun la tuta kant' rezultas amalgam'.

*Luis Mimó.*



# NE JUĜU KAJ VI NE ESTOS JUĜATA

En tempoj antikvaj, kiam la homoj ankoraŭ ne iris tra la vastaj vojoj de la aero, sed treniĝis sur la vojstrekoj de la tero, iam, maljuna avo kaj lia juna nepo, sin direktis al la urbo kondukante per la brido malgrasan azenidon. Meze de la vojaĝo, ili kruciĝis kun grupo da rajdantoj, kiuj kritikis interlipe:

—Kia paro da stultuloj! Se ili intencis translokiĝi piede, kial ili irigis kun si la azenon? Tio ne estas bone!

La avo aŭdis tiujn malsaĝajn vortojn, kaj respondis per acida tono:

—Dio tiun benas, kiu sian langon katenas! Se vi havas muŝojn en la cerbo, kial vi rajdas, se tion vi ne rajtas, senprudentaj simpluloj?

Kaj li pluiris antaŭen kun sia nepo kaj besto, kiu rezignacie sekvis ilin. Tamen, la avo survoje pripensis iom la aferon, kaj diris al sia nepo:

—Ŝajne tiuj entruduloj pravas; rajdu vi sur la azenon kaj mi iros paŝe, ĉar ne timu tranĉilon, timu babilon!

Ĉe proksima vojdisiĝo ili renkontis du vojirantojn, kiuj murmuretis interdente:

—Pri gustoj, oni disputi ne devas; sed, la knabo, kiu bone sin tenas, veturas sur la besto, dum la kaduka maljunulo la kruron trenas. Tio ne decas!

La avo komprenis la malican sencon de la frazo, kaj ekkriis akre:

—Kio vin ne tuŝas, kuŝu kiel kuŝas! Preferinde estus ke vi ŝtopus vian buŝegon kaj ne parolaĉus, malsaĝaj ŝtipoj!

Sed, post mallonga irado, li meditis iom, kaj diris al sia nepo:

—Eble tiuj kruduloj ankaŭ estas certaj; do, marŝu vi kaj mi iros surazene, ĉar kontraŭ kalumnio, helpas nenio!

Post kelkaj paŝoj, ili trafis du ĉaristojn, kiuj susuris duonvoĉe:

—Ne ĉiam per aĝo, mezuriĝas la saĝo: la grandaĝulo, kiu ankoraŭ estas forta, veturas transportate, dum la malfeliĉa infano, kiu jus eloviĝis, devas rampi sur la manoj kaj piedoj; tio estas malsaĝe!

La avo aŭskultis tiun malbonvolan riproĉon, kaj sputis furioze:

—Ne ŝovu nazon en fremdan vazon! Se vi perdis la kandelon el via kapo, kial vi ne enjungas vin al la ĉaro, malŝatindaj tirbestoj?

Malgraŭ tio, li poste cerbumis la okazaĵon, kaj diris al sia nepo:

—Sendube tiuj klaĉuloj ankaŭ estas en la vero; nu, iru ni ambaŭ sur la kvarpiedulo, ĉar, kiu prudenton ne havas, tiun saĝo ne savas.

Pli malproksime preterpasis du mulistoj, kiuj flustris inter si:

—Sur la dorso de alia, la ŝarĝo ne pezas! La junulo kaj la maljunulo sur la kompatinda besto: kia pezo por malgranda prezo; tio estas kruela!

La avo englutis tiun aĉan insulton, kaj elvomis bolanta de kolero:

—Lango nenion atingas, se ĝin saĝo ne svingas! Se en via kapo mankas klapo, kial vi ne fortranĉas tiun langon de hundo bojema, malbenitaj ŝarĝbestoj?

Kaj sin turnante al la nepo, li eldiris:

—Nepo mia, la homoj neniam estas kontentaj, kaj ĉion kritikas; ili estas denaske klaĉuloj kaj nenion juĝas perfekta. Kiom da homoj, tiom da gustoj; kaj ĉar kontentigi ĉiujn, eĉ anĝelo ne povas, tial ke en ĉiu kranio, regas aparta opinio, ni agu kun pura konscienco kaj ne ĝenu nin pensante, ĉu tio, kion ni faras, ŝajnos al la aliaj bona aŭ malbona.

Kaj avo kaj nepo sekvis trankvilaj sian vojon; foje ili iris piede, foje ili iris rajde. Jen la avo veturigis sian nepon, jen li engrimpis sur la dorson de la azeno, ne plu atentante sensencajn diraĵojn.

Ne juĝu kaj vi ne estos juĝata!

*Ricardo Quiles.*

# NOVAJ LIBROJ

***Recenzistoj esprimas ĉi tie siajn proprajn juĝojn pri verkoj. La Redakcio kaj la Estraro de HEF estas tute sendependaj de iliaj opinioj.***

**STUDOJ PRI PERSONAJ PRONOMOJ.— Kenĵi Ossaka. — Eldono de Katolika Asocio de Japanaj Esperantistoj, 1953.—108 paĝoj. Prezo: 6 anglaj ŝilingoj aŭ egalvaloro, ĉe: A. Matubara-Hatiro, Naamatutyo 24, Kisiwada, Japanujo.**

Jam de iom da tempo mi konas s-anon Kenĵi Ossaka, ĉar mi estas fervora leganto de liaj esperantologiaj studaĵoj. Unue regalis min la vizito de lia *Malgranda monografio pri esperantaj prepozicioj* (eldono de Japana Esperanto-Instituto, sen indiko de aperjaro), kiun akompanis liaj *Numeraloj kaj nombrovortoj* kaj *Esperantaj interjekcioj kaj onomatopeoj,* aperintaj en 1948; poste, en 1950-1951, mi havis okazon sekvi la elvolviĝon de lia interesega traktaĵo pri niaj verboj, aperinta en «La Revuo Orienta», kie ankaŭ, post tiu dato, aperadas lia ŝatata studaĵo *Adverbaj partikuloj* (13 priadverbaj monografioj, ĝis marto 1954). La kape priskribita verko—eble la plej grava de tiu aŭtoro ĝis nun—ĵus venis en miajn manojn kaj mi tuj plenĝue kaj tre profite ĝin ellegis. Mia danko al s-ano Ossaka kaj certe tiu de la esperantistaro interesiĝanta pri la lingvistika kaj lingvonormiga flanko de nia afero apenaŭ estus esprimebla per vortoj.

Jes ja: nia komuna danko estas granda; aŭ almenaŭ devus esti. Ĉar la voĉo de orientanoj, speciale tiaj kleruloj, kia s-ano Ossaka, kiu povas senpene kompari lingvouzojn de esperanto kun japanaj, rusaj, germanaj, anglaj kaj francaj esprimebloj de parencaj nocioj—tiu voĉo havas esceptan valoron, se ni konsideras, ke ĝi malfermas perspektivojn, kiuj por ni, anoj de hindeŭropaj lingvoj, estas tute fermitaj. Des pli, ke esperanto estas hindeŭropa (pli ĝuste: okcidenteŭropa, romanid-devena) *nur* en sia vortaro; en sia morfologia strukturo ĝi estas plene ekstereŭropa, kaj per sia karaktero sufiĉe simila al gravaj lingvoj aziaj (ĥina, tatara, turka...). La lego de la studaĵoj de s-ano Ossaka malfermis al mi lingvajn videjojn, laŭ kiuj la kompreno de esperanto iĝis al mi pli kerna, pli memstara, pli super- aŭ eksternacia, unuvorte: *pli esperanta.* Se al tio oni aldonas, ke s-ano Ossaka estas kompetentega kaj pia zamenhofano, aŭtoritata specialisto pri la lingvouzo de la Majstro, ni vidas, ke la studo de tiuj verkoj estas nepra bezono de ĉiu esperantisto, kiu serioze interesiĝas pri esperantologio.

Tiom detalajn kaj unike valorajn studaĵojn pri esperanto, kiajn mi vidis en verkoj de japanaj samideanoj, mi trovis nenie. Al kio aldonendas, ke kutime japanoj studas kaj eksplikas esperanton tia, kia ĝi fakte estas, kia ĝin forĝis Zamenhof kaj ĉi ties laŭsekva lingvouzo, kaj ne kia ĝi *devus* esti, kiel diletantoj kaj kabinetuloj eŭropaj senrespondence de temp-al-tempo proponas kaj volas trudi. Estas ĝojiga por nia afero la fakto, ke azianoj tiom serioze okupiĝas pri esperanto: ĉar lumigo de nia interlingva tasko fare de lingvostrukturaj tradicioj ekstereŭropaj estas nepra ŝlosilo por nia sukceso sur ĉiuj latitudoj; kaj ĉar Azio marŝas gigantopaŝe al nova renesanco, kun reekfloriĝo de civilizoj kaj kulturoj jam ne plu preterkonsidereblaj, de nun nepre mondinfluaj kaj tre propable mondogvidaj en ne malproksima estonto.

Mi ŝatus citi bonegajn pecojn el tiuj verkoj; sed la spacon, kiun disponas modesta mondregiona gazeto (por «mondregiono» mi volas ĉi tie indiki ĉiujn hispanparolantajn popolojn), kia nia BOLETIN, mi ne povas ŝarĝi per tiaj fakaĵoj. Tial mi preferis resume kaj ekzalte alarmi pri la gravo de la laboro de nia malproksimorienta samideano kaj varme danki kaj rekomendi liajn verkojn. Kaj mi tre-tre ĝojus, se, dum la unua venonta baloto por postenoj de nia Akademio, ni povos venigi s-anon Ossaka al bone gajnita, plene merita loko en la supera instituto de nia lingvo.

*J. Régulo Pérez.*

**TRIESTO... AL KIU?** Eldono de Slovenia Esperanto-Ligo, Milkoŝiĉeva 7/1, Ljubljana, Jugoslavio. Senpage ricevebla libro kontraŭ sendo de unu respondkupono por la sendkosto. Societoj kaj organizaĵoj povas ricevi pliajn ekzemplerojn same kontraŭ pago de la sendkostoj (unu respond. por ĉiu du ekz.)

Ĉi tiu alloga, bone presita libreto, pritraktas la tiom diskutatan demandon pri Triesto. La temo estas prezentita sufiĉe objektive, kaj sekve la broŝuro estas leginda de ĉiu esperantisto deziranta bone koni la staton de la adriatika konflikto inter Jugoslavio kaj Italio. Sur 41 interesaj paĝoj la kompilintoj eksponas multajn novajn kaj malnovajn faktojn rilate la nunan situacion de ĉi tiu libera teritorio. La aŭtoroj de TRIESTO... AL KIU? bone plenumis la taskon, kiun ili havigis al si, kontribui al pli objektiva prijuĝo de la prezentita problemo antaŭ la demokrata mondo.

*Ricardo Quiles.*

# XVI-a HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

## 23 - 26 de Julio de 1955

Adreso de la Organiza Komitato: Grupo Esperantista del Centro Asturiano
Paseo de Begoña, 26-28, GIJON, Asturias

La samideanoj el Gijón jam komencis labori pri la preparoj de la venonta kongreso kaj, laŭ la interesaj artikoloj en la kluba bulteno, entuziasmo kaj aktiveco regas en iliaj vicoj. Oni elektis la membrojn de la Organiza Komitato, laŭ jena listo:

Prezidanto: S-ro Alfredo Villa González; Sekretarioj: S-roj Alfredo Villa y Villa kaj Alberto Menéndez González; Fakuloj: S-roj Nicanor García y García, José Palacio Tuero, Juan Fernández Rodríguez, José Manuel Paraja, Florencio Villa Garcia, Salvador García y García, Dimas González Argüello, Manuel Blasco Chico, José Fernández Alvarez, Luis Garcia, Alcibiades González Meana, Adonis González Meana, Manuel Gutiérrez, Juan Manzano Bartolomé kaj Francisco Ignacio Taibo.

---

El la paĝo 105.

Marianne H. Vermaas, tre konata de la hispanaj esperantistoj, ĉar ŝi partoprenis nian kongreson en Tarrasa, estis nia gastigantino. Kune kun Emilja Lapenna, ĉarma jugoslavino, ŝi atendis nin en la stacidomo kaj en ŝia aŭtomobilo kondukis nin tien kaj reen tra la urbo. Ankoraŭ unu rapida vizito al la fama Muzeo Boymann. En ŝia hejmo ni estis invitataj al tetrinkado kaj tre agrabla konversacio estiĝis inter anoj el kvar nacioj: Nederlando, Jugoslavio, Estonio kaj Hispanujo. Esperanto montriĝis kiel perfekta komunikilo. Interesegan viziton ni faris al la haveno de Rotterdam per speciala ŝipo. Nia surprizo estis granda, vidante kiom multe la nederlandanoj jam rekonstruis post la pasintaj malhelaj tempoj. Super ĉio nia admiro estis por la famkonata tunelo sub la rivero Maas, kiu kunigas ambaŭ riverbordojn. Fakte ekzistas tri tuneloj: unu por la aŭtomobiloj, alia por bicikloj kaj tria por piedirantoj. Vere genia verko en tiu ĉi mirakla lando! La vespermanĝo en luksa restoracio apud la rivero Maas, estis tre agrabla. La kelnero estis mirigita pri tio, ke ni povas tiom facile interkompreniĝi per unu sola lingvo, kiu ne estas la nia propra. Ni iris pluen al Parizo, adiaŭinte tiun simpatiegan paron, jugoslavinon kaj nederlandaninon, atestanta pri la grandaj amikecaj fortoj de nia movado. Ankoraŭfoje nian grandan dankon al F-ino Vermaas pro ŝia delikateco! Parizo akceptis nin elkore. La francaj esperantistoj akompanadis nin tra la granda urbo. La kutima filmo paradis antaŭ niaj okuloj dum la daŭro de kvin tagoj: Notre-Dame, Montmartre, Triumfa Arko, Zoologia Ĝardeno, Invalidoj, Louvre-Muzeo, Eiffel-Turo ktp. Ne estis forgesita la fama Versailles kun sia belega parko. Denove la esprimon de mia danko por F-ino J. le Boedec kaj S-roj A. Bessiere kaj Dauchez, kune kun nia nederlanda amiko F. Oliemans, kiuj ĉiumomente agrabligis nian restadon per sia simpatia societo kaj bonhumora karaktero.

*A. Pedro Marqueta.*

# DIVERSAĴOJ

*Ĉiu membro de nia Federacio aŭ abonanto de nia bulteno, sendinta solvon de enigmo, gajnos unu poenton. Gajnintoj de 10 poentoj ricevos libropremion. Ni akceptos solvojn ĝis la 1-a de Decembro.*



ENIGMO N.° 12

Krucvorta enigmo, de Juan Devís.
Supra figuro.

*Horizontale:* 1 (rad) Hejma dikhaŭta mamulo, enkalkulante. 2 (rad) Speco de pasero kun agrabla kanto, brando eltirita el rizo. 3 Kadavro konservita per balzamaj procedoj, (rad) amaso da densa akva vaporo. 4 (rad) Populara kanto kaj danco, (rad) spirita viviga principo de la homo. 5 (rad) Koni certe kaj precize, numeralo. 6 Sufikso, sufikso, komparativa konjunkcio, (rad) instrumento. 7 (rad) Iri sidante sur besta dorso, konformiĝi je ordono. 8 Malbona, (rad) kunveno en kiu oni dancas, (rad) granda aro da domoj. 9 Pronomo, (rad) malfluida, (rad) demanda pronomo. 10 (rad) Natura okazaĵo. 11 Ligo de societoj por komuna celo.

*Vertikale:* 1 (rad) Bongusta frukto, brava. 2 (inv) Tre alta sed ne tre vasta konstruo, pisti en buŝo per la dentoj. 3 Kunakordigas plurajn versojn, adverbo por plifortigi aserton, (rad) fabela estaĵo. 4 (rad) Okazi en la sama momento kiel alia fakto, tamen. 5 (rad) Io servanta por altiri, konsentite. 6 (rad) Grado de ŝatebleco. 7 Korta naĝbirdo, fina. 8 Dentoforma aperturo ĉe la supro de muro, (rad) konveni. 9 Forprenis alies apartenaĵon, (rad) signala naĝbarelo, pronomo. 10 Organa viskeca elfluaĵo, (inv) fari ion el nenio. 11 (rad) Nefirma, pruvo ke akuzito estis aliloke kiam la krimo okazis.

ENIGMO N.° 13

Krucvorta enigmo, de Andrés Candela.
Supra figuro.

*Horizontale:* 1 Bonhumora, havanta ĉiuj supraĵoj kvadratan formon. 2 Rilata al kudrilego uzata de ŝuisto, (rad) vitra larĝbaza botelo. 3 (rad) Havi, (rad) longa kaj pinta osto en kelkaj fiŝoj. 4 Kaŭzi al iu malagrablan impreson en la haŭto, amfibia vertebrula besteto. 5 Rilata al iu ludkarto, (rad) konifera arbo. 6 Persona pronomo, kunordiga konjunkcio, (rad) trinkaĵo preparita el iaj sekigitaj folioj, komparativa konjunkcio. 7 (rad) Korta naĝbirdo, malklara. 8 (rad) Herbeca trunketo, nur per si sen helpo aŭ iniciato de alia, aproba interjekcio. 9 Sufikso, (rad) ŝanĝi sian pozicion, pasiva verba formo. 10 Aro da kanonoj. 11 Politika doktrino de la partianoj de la reĝeco.

*Vertikale:* 1 (rad) Naive kaj iom stulte rigardadi, (rad) solena eklezia malbeno. 2 (rad) Miksaĵo el kunfanditaj metaloj, (rad) enkonduki iun en konon pri afero sekreta. 3 Rilata al la dua persono de la sankta Triunuo, (rad) produkti ian efikon uzante sian kapablon, prefikso. 4 Aldonas al regno fremdan teritorion, (rad) monato. 5 Saluta vorto, maksima aŭ proverba. 6 Klintranĉita rando. 7 Unuo de mezurpeco uzata por perloj kaj diamantoj, senti surprizan impreson pri io stranga. 8 (rad) Milita pulvopafilo kun strekita tubo, prepozicio rilata al tempo aŭ spaco. 9 Maltrinki, (rad) vazo aŭ kesto, (rad) unuo de elektra rezistanco. 10. Plej malalta vira voĉo, konformiĝi al io ordonita aŭ malpermesita. 11 (rad) Sendanĝera ulcereto en la buŝo, malrigida.

# ☆ LA LERNEJO

## LERNU TRADUKANTE

*Inter la sendintoj de korektaj tradukoj ni distribuos premiojn, laŭ samaj kondiĉoj kiel por la enigmoj.*

Sendis korektajn tradukojn de la tasko de Julio jenaj samideanoj: S. Roca Rodó, M. A. Perles, E. E. Yelland, A. Escamilla, A. Pérez Saura, M. Vallés kaj A. Criach.

Niaopinie, jen la plej korekta traduko:

***Leviĝante de ĉe la ludotablo, mi sentis subite, sur miaj ŝultroj, du manojn, kiuj trenis min al ekstremo de la salono, kun familiareco kiu lasis min senmova. Rekonsciiĝinte** de mia **surprizo, mi povis rekoni mian amikon. Estis malnova vojaĝkamarado, kiun, dumlonge, la hazardo metis al mia flanko en la plej malproksimaj lokoj. Ni fariĝis intimaj, kiel oni nur intimiĝas en du litoj de la kajuto de laŭmarborda ŝipo. De antaŭlonge ni ne renkontiĝis, kaj ĉi tio havigis al nia babilo eksterordinaran intereson. Mia amiko estis edziĝinta antaŭ du jaroj, kiujn li pasigis eksterlande zorgante pri la negocoj de sia bopatro, kaj nun li sin instalis definitive en la urbo.***

Jen nova tasko. Temas pri peco de la fabelo de Sara Bofill, «El Potrito».

**¡Qué relinchos más lánguidos y dulces daba el potrito! Se veía bien claramente que quería salir de la cuadra... y aún no era la hora. ¡Si todavía tardarían mucho en llevarles el desayuno! ¿Qué le pasaba, pues? Su madre no hacía más que acariciarle y lamerle la carita. ¡Qué guapo era Pokey! Una verdadera esculturita. Su padre, a quien llamaban el perfecto Pokey, era finísimo de líneas; tenía los ojos grandísimos, muy inteligentes; el pelo, fino y suave, como de seda pura color de oro. Pues, ¿y la cola? ¡Una preciosidad! La movía majestuosamente para que todos se fijaran en él. Su hijo era exactamente igual, y en cuanto al carácter, dócil y dulce como el de su madre. Esta levantaba las orejas en aquellos momentos para decirle a su hijo que tuviera paciencia, que pronto podrían dar el paseo de costumbre, y sobre todo que se callara, que se callara...**

---

## LINGVA KONSULTEJO

S-ro E. P., Barcelona, skribis al ni tre afablan leteron pri tio, ke li tradukis la frazon de pasinta traduka tasko *Ya teníamos un secreto* per *Ni jam tenis sekreton,* kaj tial ko ni uzis la verbon *havi* anstataŭ *teni,* li dubis pri tio, kiu el la du verboj estas pli korekta en tiu frazo. Traserĉante la Plenan Vortaron, li trovis:

Paĝo 420: *Sekreto.* Ekzemploj: *tenado de sekreto, teni sekrete.*

Paĝo 467: *Teni.* Ekz.: *teni sekreton.*

Do li konkludis, ke laŭŝajne pri la vorto *sekreto,* nur oni devas uzi la verbon *teni.* Tamen li demandis al ni, ĉu li pravas.

Responde al nia amiko, ni klarigu al li, ke ambaŭ verboj povas esti korekte uzataj, sed en la pritraktata frazo nepre oni devas uzi *havi. Teni sekreton* signifas same kiel en hispana *guardar un secreto,* t. e. ne malkaŝi ĝin al aliaj personoj; sed en nia kazo, la rakontanto rimarkis hazarde la ekziston de komuna sekreto, kiun havis li kaj la junulino pri kiu li rakontas; ili simple havis sekreton. Oni ne temas pri tio, ĉu ili *tenas* ĝin, ĉu ili malkaŝos ĝin al neniu; eble ili poste decidos *konservi* la sekreton, ne konfidi ĝin al aliaj; tiam ili jam *tenas* la sekreton. Tre amikan saluton.

---

## ESPERANTO EN LA RADIO

| | | | |
|---|---|---|---|
| *Lunde:* | 22·35 - 22·40 | 513 m., 48·74 m., 25·46 m. | Wien. |
| *Marde:* | 12·55 - 13·00 | 75·28 m., 48·66 m., 31·46 m., 16·87 m. | Bern. |
| | 18·35 - 18·40 | 75·28 m., 48·66 m., 31·46 m., 19·60 m. | Bern |
| *Merkr.* | 18·50 - 19·10 | 49·22 m., 31·35 m. | Roma. |
| | 20·30 - 20·45 | 360 m. | Barcelona. |
| | 23·15 - 23·20 | 298 m., 188 m. | Hilversum. |
| *Jaŭde:* | 8·45 - ? | 202 m. | Perpignan-Roussillon. |
| | 9·30 - 9·45 | 348 m. | París. |
| | 12·55 - 13·00 | Kiel marde. | Bern. |
| | 18·35 - 18·40 | Kiel marde. | Bern. |
| | 23·15 - 23·45 | 200 m. | Valencia. |
| | 24·05 - 24·30 | 264·7 m. | Zagreb. |
| *Vendr.* | 18·50 - 19·10 | Kiel merkr. | Roma. |
| *Sabate:* | 23·15 - 23·20 | 402 m. | Hilversum. |
| *Diman.* | 13·30 - 14·00 | 250 m. | La Coruña. |

**NE FORGESU** ke estas en preparo la eldono de la interesa novelo de Cervantes:

## LA MALPRUDENTA SCIVOLULO

**en bela modela traduko de Luis Hernández**

**Atendu proksimajn informojn!**

---

### PLENA VORTARO DE ESPERANTO

Cuarta edición, con Suplemento, compilado por el Profesor G. Waringhien en colaboración con doce especialistas, entre ellos cinco miembros de la Academia de Esperanto.

Obra de actualidad, que todo esperantista consultará con provecho y utilidad.

Precio especial, valedero solamente para España: 100 pesetas, más 5 pesetas para gastos de envío certificado.

### FELICITACIONES DE NAVIDAD

Tenemos a la venta una serie de nueve diferentes tarjetas postales de felicitación para Navidad y Año Nuevo, con texto en Esperanto, editadas por Eldona Societo Esperanto, de Estocolmo, al precio de 1'50 pesetas cada postal.

LIBROSERVO DE
HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO
Pelayo, 7 — Valencia

---

## LOTERIA NACIONAL

El anuncio del número adquirido por la Federación Esperantista Española para el próximo sorteo de Navidad (22 de Diciembre), ha despertado el máximo interés entre nuestros consocios, habiéndose recibido ya numerosos encargos.

Recordamos a los que todavía no nos han hecho sus pedidos, que el citado número es el

# 22.503

y confiamos recibir sus gratas órdenes, que con el mayor gusto cumplimentaremos, pues es nuestro interés que todos nuestros consocios participen. *Depositario: EMILIO PRADES, Derechos 39, Valencia*

---

### VIVO SAMIDEANA

*Al Gesomideanoj Gladio Ferraz kaj Flora Arrondo, naskiĝis filino Jazmin. Nian plej koran gratulon al la feliĉaj gepatroj, kaj ke ili atentu nian kutiman peton!*


BOLETIN
de la
FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA
BULTENO
DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO

**Adreso de la Redakcio kaj Federacio**
**Str. Pelayo, 7, 1.ª**
**VALENCIA**
**Telefonoj: 19532 kaj 53579**
**Oficej-horoj**
**9 ĝis 13'30 kaj 15 ĝis 20**
**Sabate: nur 9 ĝis 13**
**Kunvenejoj**
**Marde: Str. Ruzafa, 7 (Casa Chaume)**
**De 22'30 ĝis 24**
**Sabate: Montepio de la Dependencia Mercantil**
**Str. San Vicente, 67, 1.ª**
**De 15'30 ĝis 18**
**Kotizoj de la Federacio**
**Simpla membro: 15 pesetojn jare**
**Membro-abonanto: 50 pesetojn jare**
**Membro-subtenanto: 80 pesetojn jare**
**La membroj de la du lastaj kategorioj ricevas la Bultenon, La subtenantoj ricevas du ekzemplerojn.**
**Eksterlanda abono al la Bulteno: 50 pesetojn jare**
**Monsendojn adresu al:**
**S-ro Ernesto Hurtado**
**Str. Pelayo, 7, 1.ª - VALENCIA**


---

## DONACOJ AL NIA BULTENO

**Antaŭa sumo 2.749 pesetoj.**

**J. Arroyo, 5.—P. Tamarit, 5.—J. Aragay, 20.—M. A. Perles, 5.—A. García, 10.**

**Entute 2.794 pesetoj.**

### Donacoj por la Madrida Ekspozicio

**Antaŭa sumo 85 pesetoj.**

**P. M., 25.—J. M. Fontcuberta, 10.**

**Entute 120 pesetoj**

---

● «Korespondo kaj Filatelo», japana gazeto nuntempe abonebla por hispanoj. Jarabono: 30 pes. Peranto: M. Miró Creu, Viladomiu 31, Gironella, Barcelona.

● Kiu povas havigi al ni kongresemblemojn kaj glumarkojn? Ĉefe interesas al ni la kongresemblemo kaj glumarko okaze de la SAT-kongreso okazinta en Valencia 1934. Sin turnu bonvole al Libroservo de Hispana Esperanto-Federacio, Pelayo 7, Valencia.

---




[illegible]-GRAN VIA DE TURIA, 28-VALENCIA